1 OKTOBRO 1908 — Unu Numero : 15 CENTIMOJ (6 Spesdekoj) — KVARA JARO. — N° 40

# ★ ESPERANTO ★

OFICIALA ORGANO DE LA UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

Duonmonata Internacia Gazeto

**ABONO**

Unu Jaro . . . . Sm. 1.60 (4 frankoj).

Oni abonas ĉe la Administrejo
8, Rue Bovy-Lysberg, 8, Genève (Svisujo)
aŭ ĉe la lokaj agentoj

DIREKTORO :
HECTOR HODLER
8, Rue Bovy-Lysberg, 8
Genève (Svisujo)



# La Kvara Kongreso

Grava, nekontestebla sukceso estis nia Kvara Dresdena Kongreso. Tion sen ia dubo konfesos ĉiuj partoprenintoj, kiuj de ĝi ricevis la plej fortajn kaj kuraĝigajn impresojn. Sukceso ĝi estis rilate al la nombro de la kongresanoj. Neniam ĝis nun estis atingita tia granda nombro kaj diversnacieco de partoprenantoj : pli ol 1400 samideanoj apartenantaj al 40 malsamaj landoj veturis Dresdenon, kaj ĉi tiu nombro, se oni konsideras la relativan ekstercentrecon de la kongresurbo, la malfacilaĵojn kaj koston de vojaĝo longa por multaj personoj, se oni ĝin komparas kun la nombro atingita de aliaj bruaj « internaciaj » kongresoj, estas mirinda. Per si mem tiu nombro jam elokvente parolas pri la disvastiĝo de Esperanto, la fervoro de ĝiaj adeptoj, la graveco de nia movado el vidpunkto internacia. Sukceso ĝi estis, ĉar, plian fojon, ĝi plene konfirmis la eksperimenton de la unuaj tri kongresoj ; dum deko da tagoj tiuj 1400 homoj kun la plej granda facileco interparoladis per Esperanto pri ĉiaj eblaj temoj, kaj el ĉiuj lipoj nia lingvo fluis kiel patra lingvo. Sukceso ĝi estis rilate al la organizado, kiu neniel estas kritikebla. Precipe la parto difinita por festoj kaj ekskursoj estis mirinde aranĝita. Neniam ĝis nun okazis en la honoro de la Esperantistoj tiaj festoj kun la kunlaboro de la plej famaj artistoj kaj spertuloj, neniam ĝis nun ni estis tiel oficiale kaj grandioze akceptitaj, kaj se oni pensas ke tiu manifestado okazis ĝuste en tiu lando, kiu antaŭ nelonge rilatis skeptike al Esperanto, oni devas gratuli niajn germanajn samideanojn pro ilia persista laboro, kiu kondukis al tiaj brilaj rezultatoj. Sukceso ĝi estis, fine, ĉar ĝi en plej certa maniero fortikigis nian movadon, ĉar ĝi per sia propra forto venke respondis ĉiujn atakojn, kiujn oni faris kontraŭ nia afero dum la lasta tempo, ĉar ĝi okazis en plena harmonio kaj konsento.

Ĉu la kongreso laboris ? Per si mem la kongreso reprezentas nur tiujn homojn, kiuj veturas al la kongresurbo ; ĝi do havas limigitan aŭtoritaton ; niaj kongresoj estas kaj devas resti pli manifestado ol labora kunsidado. Tamen, rilate al la lingvaj demandoj, kiuj en la lasta tempo okupadis la atenton de Esperantistoj, ĝi tre klare esprimis sian deziron, ke la lingvo progresu per kontinua, senrompa evolucio. La tre saĝaj kaj trafaj vortoj de D-ro Zamenhof pri tiu tro diskutita demando ĉie trovis aprobon. Deiri de la vojo, kiun li montris, estus konduki nian aferon al danĝera ĥaoso kaj tute malkompreni la esencon de Esperantismo. La Lingva Komitato reorganizita kaj la Akademio balotita de ĝi havas nun la plenan konfidon de la Esperantistaro laboranta por la tasko, kiun ili devas plenumi : konstati la evolucion de nia lingvo. La kompetenteco de la personoj, el kiuj konsistas la Akademio, la fakto, ke ili estas homoj uzantaj nian lingvon kaj produktintaj verkojn, estas certigo pri ilia estonta bona laboro.

En alia rilato, oni kun ĝojo rimarkis, ke la nombro de la specialaj kunvenoj — signo de ĉiam pli granda emo al la praktika uzo de Esperanto — ankoraŭ pligraviĝis, de post la lasta kongreso, kaj el ili rezultis diversaj interesaj fondaĵoj.

Pri la temo, kiu nin speciale koncernas, ni povas konstati la plenan sukceson de la kunvenoj de U. E. A. El ĉiuj flankoj montriĝis grava intereso por nia Asocio, de kiu la Esperantistaro atendas multe da bono. Dum nia kunsido, okazis interŝanĝadoj de ideoj, el kiuj rezultos plivastigo de nia kampo de agado ; novajn bonvolajn kunlaborantojn ni povis varbi al nia afero kaj tiamaniere certigi la normalan kreskon de nia Asocio. Nun definitive organizita, U. E. A., dank' al la harmonia kunlaborado de ĉiuj samideanoj, povos rapide progresi kaj iom post iom realigi sian programon, kiu ricevis ĉies aprobon.

Niaj kongresoj estas ne nur interesa lingva eksperimento, ne nur bonega okazo por praktika laborado kaj ĝojaj festoj, sed antaŭ ĉio grava homara manifestado. La kvara kongreso, kiel la antaŭaj, estis ne nur forta antaŭenpuŝo de Esperanto kiel lingvo kaj komunikilo, sed ĝojiga progreso de Esperantismo kiel movado socia. En ĉi tio ĉefe kuŝas la alta merito kaj grava signifo de niaj kongresoj kaj per ĉi tio nia afero sin trudos al la atento de la mondo.

H. H.

# TRA LA MONDO

## AŬSTRIO [1])

*La tutslava Kongreso ; novoslavismo.*

Delegitoj rusaj ĉirkaŭprenis delegitojn polajn kaj proklamis, ke ambaŭ plej grandaj slavaj nacioj volas forgesi malnovajn batalojn kaj malicoj. Nunaj Rusoj, kiuj ekbatalis kontraŭ tirana absolutismo, volas, ke en ilia urbo vivu nur liberaj popoloj ; ŝajnas, ke la kunveno en Praha forigis la tiel ofte priparolatan malkonsenton *rusopolan*.

Do oni povas entute diri, ke revoj de novoslavismo komencas aliiĝi. Neniu dubas, ke ekzistas komunaj slavaj interesoj. Jam ekzisto de la movado ŝajnas tion pruvadi. Nun ĝi estas kondukata de liberalaj burĝaj partioj. Sed estas certe, ke kultura kaj rasa rilato de slavaj nacioj ne povas resti sen influo je ilia socialismo. Kiel pligrandiĝados la scio pri kultura kaj idea unueco de Slavoj, kaj oni vidas, ke plej fortaj tendencoj de nuna progreso tian evolucion helpas, tiel oni ankaŭ pli kaj pli povos paroli pri slava socialismo kiel pri difinita tipo. Certe ne estas malproksima la tempo, kiam pri revo de Kollar kaj Safarik pensos ankaŭ socialdemokratoj de slavaj nacioj ; ĉar ankaŭ laboristo slovaka, slovinca, ĉeĥa, k. t. p., pli multe suferas ol laboristo ekz. franca aŭ germana nur pro tio, ke li estas Slavako, Slovinco, Ĉeĥo, k. t. p.

Estas fakto, ke slava kulturo havis siajn specialecojn. Bone tion montris S-ro D-ro Mareŝ, profesoro de fiziologio en bohema universitato, dirinte antaŭ nelonge en solena parolado dum malfermo de bohemaj natursciencistoj : « Ni estis enkondukitaj en dependecon de germana kulturo kaj oni ne hontas riproĉi nin pri tio. Sed germana kulturo ne estas por slava spirito ; ĝiaj celoj ne respondas slavan etikan karakteron. Forta germana spirito kreas kulturon de forto kaj potenco. Plej gravan bonon li vidas en absoluta eluzo de ĉiuj homaj fortoj. Senkondiĉa estas lia deziro je ĉio absoluta. Signifa estas lia biologia scio, ke en vivo ne agas aliaj ol brutalaj fortoj. Celo de tiu ĉi kulturo ne estas simpla honesto, sed fiereco de forta individuo. Ni Slavoj ne havas forton por tiela kulturo. Nia volo al povo estas malfirma. Ni ne estas kapablaj krucumi je nomo de la kruco, sklavigi je la nomo de la libereco, rifuzi kulturajn rimedojn je nomo de la kulturo kaj ĉion nur por pligrandigi propran potencon. Ni bezonas defendon kontraŭ kulturo de forto kaj potenco, kaj forta batalilo kontraŭ ĝi estas tio, kion « malbona konscienco de germana kulturo » Kant proklamis lasta celo de naturo : vivo de inteligentaj estaĵoj laŭ etikaj leĝoj, kulturo de bona volo, kiu donas al vivo absolutan valoron. Sed kulturo de bona volo estas etike tre delikata kaj ne venkas kulturon de potenco en tiu ĉi mondo de brutalaj fortoj ; ĝi kondukas el tiu ĉi mondo. Por tiu ĉi mondo la plej alta estas kulturo de justeco : ne pligrandigu vian povon per fremda malbono. Ne pro amo, ne pro kompato, ne pro mizerikordio, sed pro estimo al honesteco de propra persono ; ĉar hontigas personan honestecon fondi sian potencon sur fremda malbono. »

Kiu scias, kio estas esperantismo, vidas, ke Slavoj komencas realigi ĝiajn tendencojn.

S. K.

[1]) Vidu « ESPERANTO » n$^{oj}$ 38-39.

## BRITUJO

Londono, Septembro 1908.

*La Eŭkarista Kongreso ; Procesioj ; Bizanta Liturgio.*

Dum tuta semajno 20.000 gekatolikoj, inter ili pli ol 3,000 pastroj kaj monaĥoj, el ĉiuj partoj de la mondo kunvenis tie ĉi por pruvi sian fidelecon al sia Dio kaj lia tera riprezentanto lia Papa Moŝto. En grandaj aroj, portantaj la kolorojn papajn — blanko kaj flavo — oni povis ilin renkonti tra Londono, irantajn al la belegaj mesoj faritaj en la ĉefa preĝejo, aŭ al siaj privataj kunvenoj. Tiuj kunsidoj celis diskuti ĉu religiajn punktojn, ĉu rimedojn propagandi la katolikan kredon, ĉu ankaŭ raporti pri la progresoj faritaj en ne katolikaj landoj ; ĉiuj certigante laŭte kaj fiere sian neŝanceleblan kredon en la mistero de la Sankta Eŭkaristo — mistero forĵetita de ĉiuj aliaj religioj.

Ni ne detalos pri tiuj diversaj punktoj kaj nur raportos pri la ĉefaj okazintaĵoj, kiuj atentigis la ordinaran publikon, la protestantojn tiel kiel la katolikojn. Ni volas paroli pri la du procesioj de la infanoj kaj de la pastroj kaj monaĥoj ĉiuspecaj kaj ĉiulandaj.

Antaŭigitaj de standardo kun surskribo « Dio, konvertu Anglujon », 17.000 infanoj el ĉiuj partoj de Londono trapasis la urbon. Knabinoj vestitaj per blankaj kaj flavaj roboj, knaboj kun zonoj ĉiukoloraj formis verajn regimentojn ; ĉiu kontingento havis sian standardon, kaj pli ol la duono el la infanoj portis ĉu krucojn, ĉu flagetojn kun religiaj emblemoj, ĉu ankaŭ korbojn aŭ garbojn da floroj, ankaŭ blank-flavaj. Dum la tuta marŝado, la junaj manifestantoj kantis cirkonstancajn himnojn : « Dio benu nian Papon », « Dolĉa Sakramento, ni adoras cin », « Kredo de niaj patroj, Santa kredo, ni estos fidelaj al ci ĝis la morto », k. t. p. Tiu kantado daŭris ĝis kiam ili preterpasis la Episkopan Palacon, kie ili aplaŭdis kiel eble plej forte lian Papsenditan Moŝton, ĉirkaŭitan de la Kardinaloj kaj Episkopoj en festaj vestaĵoj. Tiuj aplaŭdoj daŭris unu horon, daŭron de la pasado.

La dua procesio kiel la unua estis novaĵo por la popolamaso. Neniam antaŭe, oni vidis samtempe tiom da religiuloj en specialaj vestaĵoj. La ĥoristoj, kapelpastroj, kanonikoj, k. a., de la katedralo malfermis la marŝadon. La kanonikoj kun siaj ruĝaj ĉapoj prezentis belan vidaĵon. Sekvis la diversaj Monaĥoj portantaj siajn kutimajn robojn sur la brakoj. La Bizantaj pastroj, tute nigre vestitaj kun kapo kovrita per grandegaj ĉapoj — tute nekonataj kaj nepre strangaj por Eŭropanoj katolikoj — jus antaŭeniris la riĉe vestitajn Episkopojn kaj ĉefepiskopojn kaj formis kun ili veran kontraston. Nun alvenis la Papsendito, kardinalo Vanutelli antaŭigita de kanoniko kaj alia pastro kun kruco, kaj sekvita de la diversaj kardinaloj, papaj gvardistoj kaj riprezentantoj de la forestantaj episkopoj.

Ambaŭ procesioj forte impresis la vidantojn, kaj estis tre aplaŭditaj de la multaj centmiloj da katolikoj alvenintaj el ĉiuj partoj de l'mondo por partopreni tiun elmontron de religia kredo. Ankaŭ multaj protestantoj ĉeestis, kiuj silente kaj respektplene rigardis tiujn okazintaĵojn, malgraŭ la protesta letero sendita de la estroj de la evangelia eklezio al la ĉefministro por ke li malpermesu la eliron de la Sankta Hostio. Pro tiu malpermeso ricevita je la lasta momento, anstataŭ trairi la tutan vojon portante la Sanktan Eŭkariston lia kardinala Moŝto Vanutelli donis sian benon al la amasigita popolo nur post la fino de la marŝado de la suprajo de la katedralo, kie speciala altaro estis konstruita por la cirkonstanco. Tiu beno, lasta okatintaĵo de tiu grava kongreso estis ricevita de ĉiuj en granda silento, kaj estis vere imponanta ceremonio eĉ por ateisto vidi tiom da miloj da homoj genufleksitaj por servi kaj preĝi sian Dion.

*** Alia punkto rimarkinda inter la diversaj kunvenoj kaj diservoj estis la meso laŭ la Bizanta liturgio ; ĝiaj diversaj ceremonioj estas multe pli solenaj ol tiuj de la Roma liturgio kaj ili estas la solaj katolikoj kiuj uzas la grekan lingvon anstataŭ la latinan. Estus tre interesa por ĉiuj priparoli la diferencojn inter ambaŭ liturgioj, sed bedaŭrinde ni jam trouzis la lokon konsentitan al ni en tiu numero.

Ni finu dirante ke inter la kongresanoj ni rimarkis kun plezuro kelkajn verd-stel-portantojn, interalie nian samideanan kunlaboranton S-ron Abaton Richardson, bone konatan de niaj Esperantistaj kongresanoj kiuj havis feliĉon ĉeesti Kembriĝon kaj Dresdenon. Dum liaj kelkaj neokupataj momentoj, inter la kunvenoj de la kongreso, li faris paroladojn en diversaj partoj de Londono, ĉiam semante kun fervoro por nia bela lingvo kaj Esperantismo. Al li do niajn korajn dankojn por lia nelacigebla laboremeco kaj sindoneco al nia afero.

P. BLAISE.

## FRANCUJO

Parizo, Septembro 1908.

*Marokaj aferoj ; aerŝipoj kaj flugmaŝinoj ; aerveturado kaj nacioj.*

La demando Maroka, kiu de kelka tempo lasis preskaŭ la tutan Francaron en plena indiferenteco refariĝis pli akra pro la antaŭvidita malvenko de Abd-el-Aziz kaj la sukceso — ĉu definitiva ? — de Moulaï-Hafid. La ĉefa afero estas nun, ĉu Francujo rekonos tuj la novan sultanon. Laŭ la ĝenerala opinio de la politikistaj rondoj, la registaro povos rekoni Moulaï-Hafid, nur tiam, kiam li estos akceptinta la akton de Algesiras kaj liverinta la necesajn garantiojn. La Germana registaro proponis, ke oni tuj de nun lin rekonu kaj konfidu al li por la cetero. Tiu propono, kiel oni scias, ne ricevis favoran akcepton. Do, la diplomatia batalo per interŝanĝo de notoj daŭros ankoraŭ kelkajn tagojn, ĝis fine ĉiuj akceptos Moulaï-Hafid — se li estos ankoraŭ sultano. Espereble ankaŭ, Francujo, ricevinte garantion pri la senriskeco de siaj regnanoj en Maroko, revokos la armekorpusojn, kiuj tie militas por nenio. Tiu militiro neniam estis populara kaj neniam elvokis ian spontanan entuziasmon.

*** En la nuna momento la publika atento estas multe okupata pri la eksperimentoj de la aerŝipistoj — ĉefe kun la flugmaŝinoj. La *rekordo* rilate al la daŭro de l'flugo sen tuŝo kun la tero estis ĝin nun posedita de Farman, sed ĝi estis preteratingita de la Amerika flugmaŝinisto Wright, kiu flugis dum pli ol 19 minutojn kun rapideco de 57 kilometroj hore. Fine, alia eksperimentisto Delagrange sukcesis preni al si la rekordon de la mondo ; li flugis dum 29 minutoj kun la plej granda facileco [1]). El aliaj lokoj, novaj eksperimentistoj aperas, kaj el tiu stimulo rezultos — kiel jam rezultis — gravaj progresoj, ĉar ŝajnas, ke la estonteco — almenaŭ en nemilita tempo — apartenas pli al la flugmaŝinoj ol al la aerŝipoj. Tiuj ĉi tamen ankaŭ multiĝas. La direktebla aerostato *Respubliko* jam faris sukcesajn vojaĝojn.

Por instigi kaj kuraĝigi la aerveturadon kreiĝis vasta *Nacia Ligo Aerveturada*, kiu en malmulte da tempo varbis grandan nombron de membroj kaj apogoj. Tiu Ligo starigos diversspecajn premiojn, organizos konkursojn, instigos al la konstruado de aerŝipoj aŭ flugmaŝinoj. Ĝi celas havi en Francujo la saman rolon, kiun ĉe niaj Germanaj najbaroj havis la Ligo ŝipara por la pligrandigo de la ŝiparo.

Estas bedaŭrinde konstati, ke tia ilo — flugmaŝino aŭ aerŝipo — estas ĝis nun konsiderata nur kiel nova ilo por milito, tio estas por detruado. En Francujo kiel en Germanujo, kiel morgaŭ en aliaj landoj, la movado por aerveturado estas ekskluzive nacia kaj ne havas alian celon — almenaŭ en la penso de la plej multaj — ol certigi la venkgarantiojn de tia aŭ alia lando super ĝia najbaro. Tio komence produktas fruktoportan stimulon, sed, el vidpunkto homara, havas multajn malbonaĵojn. Espereble, kiam tiuj iloj fariĝos la propraĵo ne nur de militistoj, sed ankaŭ de privatuloj, kiuj ĝin uzos por faciligi la vizitojn fremdlanden, ili volenevole fariĝos elemento de pacigo kaj alproksimigo, kondiĉe... ke ekzistu internacia lingvo kaj ke la registaroj ne naciigu la porcion de ĉielo, kiu pendas super ilia regno !...

B. T.

## GERMANUJO

Metz, Septembro 1908.

*Antaŭ la germana « imperiestra manovro » ; imperiestra parolado.*

Ĉiujare la germana imperiestro « plej alta milita estro » ĉeestas al granda manovro de unu el la 24 armekorpusoj, tiujare de la XV$^{a}$ en Alsaco kontraŭ la XVI$^{a}$ en Lotaringio. Antaŭ ĝi estis la imperiestraj revuoj por ĉiu aparte, por XV$^{a}$ en Strasburgo, por la XVI$^{a}$ en Metz. La 26$^{an}$ de aŭgusto, la imperiestro kaj imperiestrino alvenis en la tute novan belegan ĉefstacion de Metz per speciala vagonaro de Wiesbaden, akompanataj de siaj filoj la princoj August-Wilhem kaj Oscar ; la kronprinco kaj la kronprincino kiel la geprincoj Friedrich Eitel, dua filo de la geimperiestroj kaj lia edzino, alvenintaj jam la antaŭan tagon, atendis ilin je la stacidomo. Je la 4$^{a}$ 40$^{m}$ la vagonaro eniras la halon, poste milita kaj civila akcepto de la estroj en la imperiestra paviliono, je kiu la imperiestra reganto en la aneksita Rejnslando, la grafo de Wedel, ricevas la plej altan insignon de l'reĝa doma ordeno de Hohenzollern.

Je 5$^{a}$ 15$^{m}$ la kortego formovas por solena eniro en la urbon dum la sonorado de ĉiuj sonoriloj

1) De post tiu artikolo, oni scias, ke la mondrekordo apartenas al Orville Whrigt (1 horo 15) kaj la kontinenta al Wilbur Wright (39 min.).

kaj bruega aklamado de la alkurinta publiko. Li estas kondukita per eskadrono de ulanoj, la imperiestrino sidas en malkovrita kaleŝo kune kun siaj bofilinoj, rekte post la veturilo rajdas la imperiestro, la marŝalbastonon en la dekstra, en unu rango kun liaj kvar ĉeestantaj filoj, ĉiuj en uniformo de la reĝa infanteriregimento nº 145, garnizonita en Metz. Ĉe la malnova pordo de la Romanoj, kie en 1473 la bakisto Harelle konservis la urbon de malamika surprizo, li estis salutita de la urbestro en la nomo de la urbestraro kaj la urbo. La imperiestrino bonvolas akcepti bukedon prezentitan de 80 blankvestitajn junulinoj en malligata hararo, dum la imperiestro malplenigas la kristalan malnovan lotaringan pokalon kun la honora trinkaĵo de malnova lotaringa vino al la bono de la estraro kaj de la urbo.

Antaŭ la katedralo lia imperiestra moŝto denove estis salutita de la episkopo, al kiu li varme dankis informante sin je la stato de renovaĵoj en la preĝejo, kiun li promesas viziti. Je la 7ª granda tablo en la prezidantejo, kie la la imperiestrino estas loĝita, dum lia alta edzo loĝas kun lia akompanantaro ĉe la komandanto de la XVIª armekorpuso. De 8ª 30ᵐ ĝis 10ª teatra prezentado de la dua kaj tria akto el « Freischütz » de Lortzing, al kiu, ĉiuj en la urbo estantaj princoj kaj regantoj ĉeestas; poste iluminado de la urbo kaj ĝardenaĵoj apud la Mozelo.

La sekvantan tagon, la 27ª, okazis la granda imperiestra revuo, la kiu estis laborata de unu jaro. Partoprenis 44 batalionoj de infanterio, 21 eskadronoj kavalerio, 24 baterioj de kampara kaj pedestra artilerio, 2 batalionoj de pioniroj, k. t. p., entute preskaŭ 30,000 miloj da soldatoj. Spaliron formas centoj de unuiĝoj de eksmilitistoj, kantistoj, gimnastikistoj, kaj la lernistaro. Multmila publiko troviĝas sur la grandaj tribunoj, el tuta Lotaringujo kaj pli malproksimaj provincoj, Luksemburgo kaj precipe multaj Francoj alkurintaj de la proksima Nancy kaj ĉirkaŭaĵoj. Je la 10ª matene, la ordigo de la granda armeo estas apenaŭ finita, kiam la imperiestro alvenas aŭtomobile sur la ekzercan kampon kaj lokiĝas sin al la pinto de kompanio portanta la multajn standardojn. Dume la imperiestrino estis alveninta en kaleŝo kaj la revuo povas komenci. La imperiestra kortego malrapide preterpaŝas la frontojn, poste la regimentoj paŝas antaŭ la moŝtoj kaj la parado nur finiĝas je la 1ª. Tiam la imperiestrino veturile kaj la imperiestro ĉevale returnas al la urbo, aklamitaj de la publiko amasiĝinta en la festornamitaj stratoj. Gis tiam la vetero estis sufiĉe bela, ne tro varme, bona por la parado; sed, posttagmeze komencis pluvado, kiu daŭris ĝis post la solena paradotablo en la milita kazino, ĉe kiu ĉeestis ekster la imperiestra paro la reĝo de Saksujo, grandduko de Badeno, la princoj, diversaj prusaj, saksaj, bavaraj kaj luksemburgaj ministroj, kiel la eksterlandaj invitataj estranoj de la urba kaj milita administrado, kaj granda nombro de la oficiroj de la garnizono. Pro fortega pluvo, la vespera « Zapfenstreich » koncerto ĉe kiu devis ludi 23 militaj orĥestroj kaj preskaŭ 500 fajfistoj, parte samtempe kaj por kiu la urbo konstruis specialan pavilionon por la pregnestroj kostante Sm. 3500, ne povis okazi.

La 28ª la imperiestra korto forvojaĝis Strasburgon, kie sama revuo okazis la 29ª, je kiu lia moŝto faris notindan paroladon afirmante la deziron de la germana popolo je eŭropa paco, kiu trovis la aprobon de ĉiu, eĉ de la plej nacionalista franca gazetaro. Se intertempe la germana registaro proponis baldaŭan rekonon de la nova Maroka sultano Mulaj Hafid, tiu paŝo nur povas esti klarigita per lia deziro redoni la pacon al tiu lando kaj sendube baldaŭ estos rekonata kiel tio. La 30ª la imperiestro reiris Berlinon por ĉeesti al la ĉiujara aŭtuna revuo de la berlina garnisono okazinta la 2ª de la 9ª sur « Tempelhoferfeld » apud la ĉefurbo; poste revenante Strasburgon por la komenco de la dektaga imperiestra manovro, kiu mi raportos en sekvonta artikolo.

HAŜI.

## TURKUJO

Aïdin, Septembro 1908.

*La liberiga revolucio ; konstitucio ; ĝojmanifestacioj ; Esperanto en Turkujo.*

Fine, ni povas plenpulme spiri kaj vivi! Nia malfeliĉa lando de 32 jaroj vaganta en la mallumo, subpremata de l'arbitreco, regata de absolutismo, jus almilitis la liberecon preskaŭ sen verŝo de sango, fakto unika en la historio.

Tiu neatendita ĝojiga okazintaĵo estas ŝuldita al la sindonemo kaj senĉesa laborado de l'partio jun-turka, kiu de 15 jaroj ĉu publike per la komitato sidanta en Parizo, ĉu sekrete per la komitato funkcianta en Saloniko, klopodis por la forigo de l'absolutismo kaj la starigo de monarĥio konstitucia.

Preskaŭ la tuta armeo estis varbita de la Jun-Turkoj al novaj ideoj kaj juris neobei al la imperiestro, se li kontraŭstaros al la ŝanĝo de reĝimo.

La konstitucio estis proklamita la 24ª de julio en la ĉefurbo meze de grandiozaj neforgesindaj manifestacioj. Tiu grava novaĵo fulmorapide disvastiĝis ĝis la lastaj limoj de l'imperio kaj kvazaŭ el profunda dormo vekis ĉiujn popolojn de Turkujo, nekapablajn kredi en la unua momento ke ĝi estas realaĵo kaj ne sonĝo.

La cenzuro forigita, la spionoj kaj sekretaj policistoj ekzilitaj aŭ malliberigitaj, la ministraro, defendanto de l'absolutismo, eksigita, la parlamento kunvokita por novembro, ĉiuj Turkujanoj posedontaj la balotrajton, jen estas la ĉefaj reformoj kiuj plenigis niajn samlandanojn de ĝojo kaj feliĉeco.

La festoj aranĝitaj en ĉiuj urboj de Turkujo por soleni tiun gravan rezultaton daŭris dum unu monaton kaj ankoraŭ daŭros.

En Aïdin, festoj por la libereco estas organizitaj, unue de la Turkoj, poste de la Grekoj kaj Armenoj, kaj fine de la Izraelidoj. La lasta ne estis malpli imponantaj kaj impresigaj ol la unuaj. La popolamaso antaŭirita de muzikistaro, kun standardoj kaj flagoj en manoj, trairis ĉiujn stratojn kantante kaj brue esprimante sian kontentecon, eniris en ĉiujn kristanajn preĝejojn, hebrajn sinagogojn, kaj turkaj moskeojn; ĉie paroladoj improviziĝis en diversaj lingvoj pri la libereco, pie aŭskultitaj, kaj varmege, freneze aplaŭditaj. Por la unua fojo en Turkujo estas aŭditaj la ĝojkrioj: vivu libereco! vivu egaleco! vivu justeco! vivu la nacio! vivu la konstitucio!

La geesperantistoj ne forgesis, dum la generala ĝojiĝo, aklami ankaŭ nian karan lingvon kaj la vortoj: vivu Esperanto! tre ofte intermiksiĝis kun tiuj pri la libereco, kaj, vere, niaj esperantaj societoj kaŝite funkciintaj ĝis nun, en la estonteco libere disvolviĝos ne timante esti disigotaj de la policistoj; la gazetoj aperantaj kiel la aliaj, ofte haltigataj de la cenzuristaro, de nun nepre alvenos al adresotoj kaj la nombro de la abonontoj sendube plikreskos. La akiro de la libereco helpos do al la rapida progresado de Esperanto tie ĉi.

Nune, la du ĉefaj demandoj pridiskutotaj konsistas el la *lingva* kaj la *militserva*. Ni esperu ke la parlamento ilin solvos kontentige, kaj ke nia lando, senskue, senrevolucie, seninterrompe antaŭeniros la vojon de l'progreso kaj de la civilizacio.

JACQUES GUERON.

## Kroniko Politika

Oni ĉiam devas komenci kun la Maroka demando, kiu de post la lasta venko de Moulaï-Hafid ne estas solvita, sed diras la diplomatoj, estas proksima al solvo. La Germana kvazaŭnoto, proponanta, ke Moulaï-Hafid estas tuj rekonata, ne estis favore akceptita; ĝin sekvis alia noto de la franca kaj hispana registaroj, kiu proponas, ke oni rekonu la novan sultanon post difinitaj garantioj. La plej multaj regnoj akceptis tiun vidpunkton; plej atendata estas la respondo de Germanujo, kiu, oni antaŭvidas, akceptos principe kaj rezervos nur pri kelkaj punktoj. Oni tamen ne tro esperu, ke tiu demando estos forigita por longa tempo; tro da kontraŭaj financaj kaj ekonomiaj interesoj estas tie implikataj, por ke simpla diplomata operacio ĉion finu.

Favora vento blovas al paco. Tre rimarkitaj kaj komentitaj estis la vortoj de imperiestro de Germanujo en Strasburg kaj, pli freŝe, de princo de Bülow ĉe la Interparlamenta kongreso en Berlino. Tamen, oni povas esti certa, ke ili ne plimalgrandiĝos je unu peco la nombron de militiloj en unu aŭ alia regno.

En Anglujo grandan bruon ekscitis la tutmonda Eŭkarista Kongreso, kiu, malgraŭ kelkaj manifestoj, pace okazis. En Turkujo, la reviviĝo daŭras sen multe da skuoj, sed, tamen, oni povas timi, ke tiu reviviĝo havos kiel konsekvencon plifortikigon de la Otomana nacionalismo kiu, timeble, minacos aliajn rasojn Turkujajn aŭ eĉ celos al la restarigo de la malnovaj limoj de la imperio; tiel sin trudos pli-malpli baldaŭ al la atento publika la demandoj pri Bosnio-Herzegovino, Romelio, eĉ Bulgarujo; la aspekto de la Orienta afero estos do nur ŝanĝita, sed la demando ne solvita.

A. R.

## La Faktoj

*Aŭgusto 16. — Dresdeno.* — Malfermo de la 4ª Esperantista Kongreso
*17. Mequinez.* — Konflikto inter Abd-el-Azizistaj kaj Hafidistaj tribuloj; 30 mortintoj.
*18. Majpole.* — Terura eksplodo en la minejo; 70 ministoj mortis.
*19. El Kelaa.* — Plena malvenkego de Abd-el-Aziz.
*20. Düsseldorf.* — Fermo de la Kongreso de l'germanaj katolikoj.
*Bruselo.* — La Deputataro aprobas la aldonan kontrakton por Kongolando kaj la projekton pri la anekso de Kongolando al Belgujo.
*21. Berlino.* — Alveturo de la kanceliero de l'Angla registaro Lloyd George.
*Rio-de-Janeiro.* — Solena inaŭguro de l'ekspozicio kun ĉeesto de 40,000 personoj.
*23. Metz.* — Morto de la duko Karolo Borwin el Mecklemburg-Strelitz.
*25. Piaĉenco.* — Solena inaŭguro de zooteknika ekspozicio.
*Berchtesgadin.* — Renkonto de l'italia ministro Tittoni kun la germana ministro von Schœn.
*Parizo.* — Morto de Henriko Becquerel, konstanta sekretario de la Scienca Akademio.
*27. Marienbad.* — Reĝo Edvardo ricevas la viziton de Clemenceau kaj Isvolski.
*28. Köln.* — Starigas granda telegrafa asocio por la kunligo de Germanujo kun ĝiaj kolonioj.
*29. Faenco.* — Malfermo de la kongreso de l'Italaj terkulturistoj.
*Piaĉenco.* — Inaŭguro de nacia Kongreso de l'komercistoj.
*30 Genevo.* — Konsido de la Internacia konsilantaro de la virinoj.
*Ciligo.* — Figuerva starigas novan ministraron.
*31. Heidelberg.* — Malfermo de la 3ª Filozofia Kongreso.
*1 Septembro. — S. Marino* — Malfermo de 4ª Itala Packongreso.
*Presburgo.* — Grava brulado en la stacidomo.
*4. Salzburg.* — Renkonto de ministroj Tittoni kaj Aerenthal.
*5. Peterburgo.* — La Sankta Sinodo publikigas alvokon kontraŭ Tolstoj okaze de lia 80ª datreveno.
*7. Genevo.* — Malfermo de la Kongreso Universala de la Blanka Kruco. — Malfermo de la Kongreso abolicionista.
*Nottingham.* — Inaŭguro de la Kongreso de *Trade Union* kun 518 delegitoj de 1,766,000 anoj.
*Ateno.* — Inaŭguro de la fervojo Pireo-Ateno-Lariso.

A. TELLINI.

★

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

OFICIALA INFORMILO

## Konstanta Monoferado por U.E.A.

Responde al la alvoko publikigita en nia lasta numero, la jenaj personoj bonvolis mondonaci por U. E. A. (La personoj montritaj per * estas bonfarantaj membroj).

| | | |
|---|---|---|
| J. Forestier, Genevo | Sm. | 16 —* |
| D-ro Rapine, Marseille | Sm. | 3,15 |
| A. Louvet, Draguignan | Sm. | 10 —* |
| A. Tuschinsky, Dantzig | Sm. | 5 — |
| Grupo Firminy | Sm. | 0,75 |
| Grupo Orleans | Sm. | 4 — |
| Isoard, Paris | Sm. | 1,80 |
| Morges'a Samideano | Sm. | 0,80 |
| L. Decourt, La Flèche | Sm. | 2 — |
| Delahaye, Hambye | Sm. | 1,30 |

Entute 44,20 Sm. Ni tutkore dankas la mondonacintojn kaj esperas, ke multaj, ĉu grupoj, ĉu personoj, ilin imitos kaj bonvolos finance helpi al la disvastigo de U. E. A. La personoj, kiuj pagos almenaŭ 10 Sm. estos konsiderataj kiel bonfarantaj membroj de U. E. A. Plie, ĉiuj donacoj sub la nomita sumo estos danke akceptataj. Oni sendu ilin al ESPERANTIO, 8, rue Bovy-Lysberg, *Genève* (Svisujo).

FAKO 1ª. — **Administrado**

*Avizo al la Delegitoj.* — Cirkulero estis sendita al niaj Delegitoj, kiuj bonvolu nepre ĝin respondi antaŭ la 20ª de oktobro. Ni rememorigas, ke ĉiuj sumoj ŝuldataj al U.E.A. (kotizaĵoj, mendoj, k. t. p.) devas esti kiel eble plej baldaŭ sendataj al fako 1ª por eviti al ni senutilajn petojn.

*** Ni okupas nin nun per la definitiva organizo de nia komitato (divido de laboroj, plano de agado por ĉiu fako, helpantoj, k. t. p.), tiamaniere, ke tre baldaŭ niaj diversaj servoj povu funkciadi normale.

*Raporto* (legita dum la U.E.A. kunveno en Dresdeno). — Tiu raporto estas tro longa por esti plene represata; ni donas nur resumon de ĝi:

La raportanto unue rememorigas pri la organizo de U. E. A. en ĉiu regiono: Delegito kiu elektas vicdelegiton kaj helpantojn, kaj en ĉiu loko de regiono subdelegito. Li insistas pri tio, ke la Delegitoj devas klopodi por trovi kiel eble plej multajn subdelegitojn, tiel ke preskaŭ ĉie Esperantiano povu ricevi servojn. De la 10ª de aŭgusto, ekzistis 194 Delegitoj, 82 Vicdelegitoj, 96 Subdelegitoj kaj 1380 membroj. La raportanto poste parolas pri la oficiala organo de U. E. A., al kiu bonvolu kunlabori ĉiuj Delegitoj, kaj pri la propagando per la nacia gazetaro. En la daŭro de tri monatoj pli ol tri cent ĉiulingvaj gazetoj anoncis la fondon de U. E. A. kaj konigis ĝian celon. Pri la grava laboro de fako 1ª elokvente parolas la nombro de la ricevitaj leteroj, kiu atingis ĉirkaŭ 2.000. Tial, la raportanto esperas, ke bonvolaj helpantoj sin prezentos por preni sur sin parton de tiu grava laboro, tro peza por sola persono.

*** Rilate al la financa stato, sekvas el la kontolibroj, ke ĝis la 1ª de aŭgusto la elpezoj atingis la sumon da Sm. *373,60* el kiuj Sm. 285,20 por presaĵoj diversaj, Sm. 50,30 por poŝtsendoj kaj Sm. 38,10 por diversaĵoj; la enspezoj atingis je la sama dato la sumon da Sm. *145,20*. Deficito: Sm. *230,40*. Laŭ antaŭkalkuloj — malfacile starigeblaj en komenca periodo — la deficito por 1908 atingus ĉirkaŭ 300 Sm. La raportanto rimarkigas, ke en komenco tia deficito estas evitebla kaj montrinte la diversajn manierojn, per kiuj oni povas ĝin forigi, li esperas, ke ĉiu bonvolos laŭeble partopreni en la monoferado malfermita por faciligi la komencan agadon de U. E. A.

Tiu raporto — parto administra kaj financa — estas unuanime akceptita.

*Novaj grupaliĝoj.* — De la lasta nº, la jenaj grupoj elektis delegitojn:

*St-Albans* (Angl.). - S-ro J. Catton (32, Oswald Rd).
*Le Mans* (Francujo). — S-ro R. Chapron (16, rue Abraham).
*Calais* (Francujo). — S-ro G. Demagny (35, rue de Talines).
*Brighouse* (Anglujo). — S-ro Dro Edwards (Claremont Villa).
*Chemnitz* (Germ.). - S-ro P. Fabian (Nikolaistr. 2).
*Galatz* (Rum.) - S-ro H. Fischer (Str. Speranza, 1).
*Beauvais* (Francujo). — S-ro Grives (8, rue de Nully d'Hecourt).
*Stuttgart* (Germanujo). — S-ro A. Haeussler.
*Leipzig* (Germ.). - S-ro R. Kötz (Rathausstr., 52).
*Santiago* (Chilujo). - S-ro D-o A. Leigh (Casilla 728).
*Dantzig* (Germanujo). — S-ino A Tuschinski (Mattenbuden 6-II).
*Hradec-Kralove* (Aŭstrio). — S-ro J. Valenta (Ŝparkaso).

Entute 329 lokoj kun 213 delegitoj kaj 116 subdelegitoj.

*Subdelegitoj :*

4ª Listo de subdelegitoj :

*Alcira* (Valencia, Hispan.) — S-ro A. Carbonell Bosque.
*Teya* (Barcelona, Hisp.). — S-ro J. Barrera.
*Amposta* (Barcelona, Hisp.). — S-ro B. Barberá.
*Patras* (Grekujo). — S-ro P. Bünemann (banko Hancock).
*Biggleswade* (Bedford, Anglujo). — S-ro E. Chew (High Str.).
*Silistria* (Bulgarujo). — S-ro J. Davidov.
*Palma* (Majorko, Hispan.). — S-ro B. Font (Tierra Santa, 11).
*Ponce* (Porto-Rico). — S-ro R. Graham (Mech E).
*Moulin* (Allier, Francujo). — S-ro M. Genermont (11, Square de la République).
*Almelo* (Ov. Yssel, Holando). — S-ro P. S. Gerlings (Grand Str.)
*Mahon* (Minerka, Hispan.). — S-ro J. Juaneda.
*Colmar* (Elsaco, German.). — S-ro P. Koenig (Grand'rue, 45).
*Trondhjem* (Norvegujo). — S-ro Joh Lövli.
*St Mihiel* (Meuse, Franc.). — S-ro M. Lévy.
*Nuits* (Côte-d'Or, Franc.). — S-ro J. Moron.
*Perugia* (Italujo). — S-ro Mazzolini (Via Fabretti, 10).
*Hamburg* (Germ.). - S-ro Vogler (Rathausstr. 16).
*Vilna* (Rusujo). — S-ro K. Nieweglowski (Lautek Biaty 8. m. 15).
*Vich* (Barcelona, Hisp.). — S-ro J. Pratderaba (Plaça Major. 43)
*Robert* (Ardèche, Franc.). — S-ro D-ro Rattier.
*Paris* (Franc.) — S-ro G. Warnier (15, rue Montmartre).
*Tortosa* (Hispan.). — S-ro F. Delezat Escribá (Pl. d'Armes, 1).
*P. Neamt* (Rumanujo). — S-ro P. Schor (Lapuzneanu, 23).
*Lorient* (Francujo). — S-ro M. Urvoy (40, Belle Fontaine.
*Huttwill* (Bern, Svisujo). — S-ro F. Uhlmann.
*Sidi-bel-Abbes* (Alĝerio). — S-ro A. Eli Thomas (supera lernejo).
*Bologna* (Italujo). — S-ro A. Tellini (Casella 12).
*Manlleu* (Barcelono, Hisp.). — S-ro J. Viladomat.

Entute 116 subdelegitoj. El la antaŭaj listoj oni forstreku Zieriksee (Holando) kaj Geising (German.).

***

Pro manko de loko, ni estas devigataj ĉesigi la ĉiunumeran publikigadon de la nomoj de Esperantianoj. La tuta nombro aperos sur speciala aldono de nia gazeto en la mezo de la jaro. Ni opinias, ke niaj legantoj preferos tiun manieron, kiu permesos al ili havi la nomojn de siaj samasocianoj sur sama folio.

***

FAKO 2ª. — **Konsuloj kaj Esperanto-Oficejoj.**

*Raporto* (legita en kunveno de U. E. A.).

Ĉar S-ro A. Carles, komitatano, ne povis ĉeesti la kongreson, S-ro Rousseau, helpkomitatano, raportas pri Konsuloj kaj Esper.-Oficejoj. Jen resumo de tiu raporto:

Pri la cirkulero 1ª de Fako IIª, ni ricevis antaŭ la 20ª de aŭgusto 89 respondilojn el kiuj rezultas ke, krom 206 delegitoj, 46 vicdelegitoj, 94 subdelegitoj, kiuj devas ĉiamaniere kaj laŭeble helpi kaj doni informojn al la Esperantianoj, ni havas specialajn subfakajn konsulojn: en 19 lokoj por ĝeneralaj informoj; en 29 lokoj por komerco kaj industrio; en 47 lokoj por virinoj; en 31 lokoj por junuloj; en 8 lokoj por maraj aferoj. Plie, ni havas specialajn helpantojn por tradukado en 23 lokoj. Entute: 206 delegitokonsuloj, 46 vicdelegito-konsuloj, 94 subdelegito-konsuloj, 125 subfakaj konsuloj, k. c., 47 konsuloj de U. E. A., kaj 23 tradukistoj kaj la personojn kiuj zorgas pri la Esp.-Oficejoj.

El la ricevitaj respondiloj rezultas ankaŭ ke ekzistas ĝis nun 65 Esp.-Oficejoj de U. E. A. el kiuj 33 estas plene organizitaj. Ni estis oficiale sciigitaj per tiuj respondiloj ke, en 10 urboj, gvidfolietoj estas disdonataj al la trapasantaj, kaj en 2 urboj, gvidlibroj. Ni scias ke multaj aliaj gvidlibroj ekzistas; niaj delegitoj bonvolu nin oficiale informi pri ili.

*Esp.-markoj.* — Post diversaj interkonsiliĝoj kun juristoj, ni konvinkiĝis ke, eble, malagrablaĵoj povus rezulti por nia Asocio, de la servo de la Esp.-markoj, pro kelkaj naciaj leĝoj.

Ni do decidis bedaŭre tuj ĉesigi tiun servon. Ni ne plu povas konsili al niaj delegitoj kaj membroj uzi tiujn markojn kiel pagilojn. Efektive, en diversaj landoj, sendo de mono per simpla letero aŭ poŝtkarto, estas malpermesita, eĉ sendo de ordinaraj poŝtmarkoj en nerekomenditaj leteroj, kvankam tiu lasta estas kontraŭleĝa!

Kompreneble la Esp.-markoj ĝis nun menditaj estos repagitaj de la Esp.-Of. de Beaune laŭ la antaŭaj instrukcioj.

Novaj informoj pri tiu afero aperos en la venonta numero.

Ni de nun klopodas por trovi alian rimedon por anstataŭi la servojn faritajn de tiuj Esp.-markoj, kaj ni esperas ke ni sukcesos.

## Delegito - Konsuloj U. E. A.

## PRAKTIKAJ INFORMOJ

**Amikejo** (*MORESNET NEUTRA*).

*** La grupo eldonis belan serion de vidajkartoj de la Esperanto-vilaĝo Moresneto. Ili estos senditaj afrankite (kun marko sur la vidajflanko) en la tuta mondo kontraŭ 1/2 Sm.

D.: Ch. Schriewer, Esp.-Konsulo.

**Aŭstrio.**

*PRAHA.*

*** Post la Dresdena kongreso multaj centoj da Esperantistoj partoprenis ekskurson aranĝitan de centra asocio « Bohema Unio Esperantista ». Jam antaŭ tiu ĉi tempo multe da samideanoj akceptis koran inviton de nomita korporacio, kiu, helpata de loka « Esperantista klubo en Praha » prenis sur sin la honoran taskon helpi fremdajn gastojn dum ilia restado en Praha por konsiloj kaj ĉiuj servoj. Por tiu tempo estis eldonita esperanta ilustrita gvidlibro koncernanta detale fremdulojn kun nia ĉefurbo. Karavano da 80 anglaj Esperantistoj, kondukata de S-ro Mudie, prezidanto de U. E. A., pasigis en Praha du tagojn. Aliaj opaj ekskursoj ĉiutage alvenadis en kluban sidejon kaj Esperanto-kafejon Union, kiu fariĝis vivplena rendevuejo. Regulaj merkredaj kunvenoj de klubo esperantista estis rendevuejo de diversnaciaj vizitintoj de nia ĉefurbo. Ĉefaj punktoj de programo proponita kaj rekomendita de sekretario de B. U. E., S-ro K. Procházka estis: vizitado de historiaj vidindaĵoj, precipe de reĝa kastelo Hradĉany, kies majesta panoramo ravigis ĉiujn fremdajn amikojn, kaj vizito de jubilea ekspozicio de komerca kaj industria ĉambro en Praha, kies komitato bonvenis oficiale karavanon de Esperantistojn en ĉefa palaco,

antaŭ kiu ĝi estis poste fotografita. Ĉiuj gazetoj alportis favorajn artikolojn pri esperantaj gastoj kaj la revuoj ilustritaj enhavis interesajn bildojn de Esperantistaj grupoj.

⁂ *Esperantaj firmoj :* Kafejo Union, Praha I. 342. — Bohuslav Rosenkranc, importo de kafo, Praha II. U půjčovny 9. — Bernard & Saxl, fabriko je ligna rabotaĵo kaj patentitaj bruligiloj, Vrŝovice apud Praha. — Julius Boschan, teknikaj artikoloj, Praha I, Rybní ul. 11 — F. Topič, librovendejo, Praha I.

⁂ Ilustrita gvidlibro tra Praha (63 pĝ., 44 bildoj) ; prezo 25 Sd. aŭ 3 respondkuponoj. Ilustritaj poŝtkartoj el Praha kun tekstoj esperantaj po 6 hel. (10 ekz. : 25 Sd.). Por unu respondkupono oni ricevas 4 kartojn. Mendojn adresu : Bohema Unio Esperantista en Praha I. Kafejo Union. 342.

## Francujo

*BEAUNE.*

⁂ La Esp.-Oficejo, place de la Halle, apud la fama hospitalo, en kies muzeo estas videbla la fama pentraĵo de la « lasta Juĝo », estas la vendejo de nia gazeto « Esperanto » kaj de la franca gazeto « L'Etoile Esperantiste » ; ĝi vendas ankaŭ ĉiuspecajn ilustritajn esperantistajn poŝtkartojn ; ĝi estas la bibliotekejo de l'grupo Esperantista ; ĝi estas la adresejo de Esperantio (fako : financoj); en ĝi oni trovas pinglojn, pipojn « Esperanto ». Mendu la jaran revueton de l'Grupo Esperantista kaj la gvidfolieton de l'Grupo eldonita; sendu 10 Sd. per respondkuponoj aŭ markoj Tellini; ilin vi ricevos kun ilustrita poŝtkarto.

*BÉZIERS.*

⁂ La redakcio de l'gazeto « *Tra la Filatelio* » sciigas nin ke ĝi klopodas por faciligi la vojaĝon tra Eŭropo de la du Rusoj S-roj N. Alexandrov, Nikolaevskaja 33, loĝ. 24 en St-Petersburg, kaj S-ro G. Cernohvostov ; ĝi petas, ke la konsuloj bonvole sendu al li, aŭ al la adreso supredirita de la du vojaĝantoj, ĉiujn informojn pri kosto de veturado kaj vivado pri la stato de esperanta propagando, kie utilos la vizito de l' du fremdaj esperantistoj, k. t. p. Sin turni al S-ro Fize, *Tra la Filatelio*, Béziers.

*LE CREUSOT.*

⁂ Nia Esp.-Oficejo jus eldonis novan serion de dek tre bele ilustritaj, esperantistaj poŝtkartoj, montrantaj la ĉefajn vidindaĵojn de nia urbo kaj de niaj mondfamaj fabrikejoj. La serio estas sendata kontraŭ unu franko (0,4 Sm.). Ni akceptas la Esperanto-markojn (vidu ESPERANTO Nº 34) laŭ ilia efektiva valoro.

Sendu la mendojn al Esp.-Oficejo U. E. A., 18, place Sceneider, Le Creusot (Francujo).

*PARIZO.*

⁂ La Delegito sciigas ĉiulandajn Samideanojn ke, en la sidejo de « Verda Stelo », (129, rue Marcadet), ekzistas biblioteko ĉiupespere malfermita ; ĝi enhavas diversajn librojn, eĉ por blinduloj ; ĝiaj gazetoj kuŝas konstante sur tabloj por la dispono de legantoj. Ĉiu estas petata viziti kaj laŭeble plivastigi ĝin : tion ĉi oni povas efektivigi, sendante novaĵojn aŭ konigotaĵojn : ekz. revuojn kaj gazetojn, kiuj ricevos specialajn protektilojn ; ĉia sendaĵo estos danke akceptata, kaj fariĝos ero da ĉiama ekspozicion

Ĉion adresi al S-ro Em. Robert, 5, rue Ravignan.

*SAINT-ETIENNE.*

⁂ *Komerca kaj industria sekcio Esperantista de St-Etienne (Francujo).* — La $8^{an}$ de julio okazis la kunveno de la sekcio por elekto de la estraro.

Estis elektitaj : administranto, S-ro Sassolat, rubandfabrikisto, 17, rue Paul-Bert ; sekretario-kasisto, S-ro Geyraud, desegnisto, 41, rue de la Loire ; asesoroj, S-ro Ferrière, mekanikisto, 90, rue Gambetta (La Ricamarie), kaj S-ro Jacquin, oficisto, 17, rue de Montaud.

La sekcio opinias ke en nia industria regiono tia faka organizo devis ekzisti por helpi la komercistojn peresperante kaj konigi al ili la taŭgecon kiun ili povos eltiri el la uzado de nia lingvo Esperanto en iliaj komercrilatoj.

Ĝi sciigas do la samideanojn, ke ĝi plezure estos komerca perilo inter kiaj ajn aĉetantoj aŭ vendistoj en la regiono kiuj bonvolos uzi ĝiajn servojn per Esperanto.

Por ĉiu demando oni estas petata sin turni al unu el la suprenomitaj membroj aldonante poŝtmarkon aŭ respondkuponon por la respondo.

La sekcio decidis ke ĉar ĝi estas nur praktika organizo, kaj ĝi nur akceptas Esperanton de D-ro Zamenhof kontrolatan de la Lingva Komitato kiel komunikilo; ĉiu diskutado pri politiko, religio aŭ lingva demando estas malpermesata inter ĝiaj membroj.

*TAILLETTE-ROCROI* (44.31). — S. D. : J. Héripret.

⁂ La S. D. de U. E. A. kiu tenas samtempe Esp.-Of. petas la komercajn firmojn kiuj uzas Esperanton ke ili bonvolu al li sendi katalogojn, prezarojn, k. t. p. Plezure li diskonigos ilin en sia regiono Ardennes. Plie li permesas al si altiri la atenton de la Esperantistoj kiuj estas terkulturistoj, pri la gravaj interesoj kiun prezentus al ili interkomunikiĝo pri terkulturaj metodoj, prezaro de la kreskaĵo kaj diversaj produktaĵoj, limimpostoj, k. t. p. Ĉu oni ne povus interligi en asocio aliĝanta al U. E. A. la inteligentajn terkulturistojn de la tuta mondo ? La samideanoj kiuj havus ideon aŭ planon pri tio, bonvolu ĝin komuniki, mi konigos la rezulton kaj kio estos farebla.

La komerca firmo E. Druart G. (komercfromaĝo) en Taillette, kor. Esperante.

## Germanujo.

*BAD GODESBERG.*

⁂ Post kelkaj tagoj aperos bela ilustrita gvidfolio tra Godesberg-a/-R., eldonita de nia grupo. Ni sendos ĝin senpage al ĉiuj legantoj de « ESPERANTO », kiuj petos nin pri tio per ilustrita poŝtkarto. Ni tre ĝojus, se ni per nia gvidfolio allogus samideanojn, viziti nian belan lokon.

*COPITZ-a/-E.*

⁂ Subdelegito A. Barthel (42.213.1) starigis Esp.-Oficejon. Li ankaŭ baldaŭ eldonos gvidlibron tra Saksa Svisujo.

*FRANKFURT-a/-M.*

⁂ *Postkongreso.* — La semajno post la Dresdena Kongreso estis unu el la plej belaj, kiujn ni Frankfurtaj Esperantistoj travivis. Frankfurto estis en la signo de la verda stelo. Ĉiutage alvenis eksterlandaj Esperantistoj, kiujn oni — tio estas precipe « la Kvaro por la propagando en Frankfurto kaj ĉirkaŭaĵo » kun siaj geamikoj — akceptis en la stacidomo, por ilin konduki unue en la hotelon « Esperanto », Hôtel Anton, kaj poste tra la urbo. Ili rakontis al ni pri la belaj, mirindaj tagoj en Dresden ; la vorto « *mirindega* » estis la plej ofte uzita. Tiamaniere ni, kiuj bedaŭrinde ne ĉeestis la kongreson, povis postfesti la « mirindegajn » Dresdenajn tagojn.

Sed la ĉefafero de la postsemajno estis la postkongresfesto, la $30^{an}$ de aŭgusto. Tiu ĉi postkunveno jam komencis sabaton vespere per amika kunveno en la sidejo de la Frankfurta grupo ( Westendgarten ), kie ĉeestis multe da Esperantistoj el la ĉirkaŭaĵo kaj el la eksterlando, precipe el Francujo, Anglujo, Rusujo. Oni paroladis, kantis, ludis kaj ŝercis, kaj baldaŭ la belaj horoj estis forflugintaj kaj la nokto admonis al la ripozo.

Dimanĉe matene oni rekunvenis en la stacidomo por akcepti la aliajn partoprenintojn kaj por konduki ilin tra la urbo kaj por viziti la famegan naturhistorian muzeon de « Senchenberg ». Poste okazis la festmanĝado en la hotelo (Hôtel du Nord). Tie ĉi salutis S-ro Hummed (kvarano) la partoprenintojn, precipe la eksterlandajn, kaj trinkis je la saneco de nia kara majstro D-ro Zamenhof, al kiu ni dankas la eblecon kompreni nin. F-ino Margot Huroy prezentis memfaritan prologon, per kiu ŝi komparis la eltrovaĵon de Zeppelin kun la eltrovaĵo de Zamenhof ; ŝi ricevis multe da aplaŭdo.

Tre bela estis la posttagmeza vizito de la belega palma ĝardeno, kiu certe restos en la memoro de la partoprenintoj. Multe da personoj aŭskultis nian paroladon, multe da personoj demandis nin : « Kio estas tio ? » kaj multe da personoj promesis al ni, lerni nian lingvon, kies taŭgecon ili rimarkis.

Tro frue ni devis forlasi tiun belan lokon por iri en la propagandan kunvenon kiu okazis vespere en la Hôtel du Nord. Multe da interesuloj ĉeestis.

Post kantado de la Esperanto-himno paroladis S-ro D-ro Fulda, Frankfurt-a/-M., pri siaj impresoj ĉe la kongreso en Dresden. Lia parolado estis tre interesa kaj ĉiuj partoprenintoj aŭskultis silente kaj atente liajn entuziasmigitajn parolojn. Li parolis pri la mirinda akcepto en Dresden, pri la interesaj kunvenoj kun nia kara Majstro, pri la vojaĝoj al Meissen, Wohlen kaj al la Saksa Svisujo, kaj precipe pri la distinga prezentado de la teatraĵo : « Ifigenio », de Gœthe. Li montris la belecon de la tradukado per antaŭlego de kelkaj versoj unue germane kaj poste esperante.

F-inoj Martha Ballhow kaj Margot Huraj deklamis kelkajn poemojn esperantajn kaj F-ino Huraj eĉ prezentis poemon mem tradukitan el Frankfurta dialekto S-ro Alexandrovo el Petersburg parolis pri la « vojaĝo per Esperanto » kaj S-ro Richard, el Parizo, en la nomo de la Francoj.

Estis jam post la meznokto, kiam oni forlasis la interesan kunvenon kaj ĉiuj partoprenintaj Esperantistoj elvokis entuziasmigite :

« Ĝis la revido en Barcelono ! »

*HANNOVER.*

La mondfama fabrika de inkoj, tuŝoj, koloroj, skribmaŝinrubandoj, k. t. p., G. Wagner eldonis belan prospekton en Esperanto. Oni povas senpage ricevi ĝin de : G. Wagner, Hannover-List. La firmoj G. Wagner kaj Bahlsen koresp. Esper. Same la mondfama standard-brodejo de Franz Reineche (Hannover, Heinrichstr., 14).

⁂ La $26^{an}$ de aŭg. okazis grupkunveno en kiu S-ro Farner, la reprezentanto de la grupo en Dresdeno, raportis pri la kongreso ; ĉeestis pli ol 150 personoj. Per tiu ĉi agado la grupo ricevis novajn anoj kaj du komercaj lernejoj (de S-ro Berliner kaj S-ro Reese) promesis akcepti de oktobro la instruadon de Esperanto.

La urba biblioteko posedas jam grandan kolekton de esp. gazetoj kaj libroj. La grupkunvenoj okazas ĉiumerkrede en hotelo « Vier Jahresseiten » Aegidientonplatz de la $9^{a}$ ĝis la $11^{a}$.

*METZ.*

⁂ En Metz okazis la $26\text{-}28^{an}$ de aŭgusto grandaj festenoj okaze de imperiestra revuo super la $XVI^{a}$ armekorpuso antaŭ la tiujara granda manovro en Lotaringujo. S-ro H. J. Hoen (SD. U.E.A.), Esp.-Oficejo en Metz (Germanujo), volonte adresos poŝtkartojn de la revuo kaj manovro, po unu por multkolora urbvidindaĵo al li adresota.

## Hispanujo

*SAN SEBASTIAN.*

⁂ La klubo de S. Sebastian vendas propagandajn markojn po 1 Sm. ĉiu milo. La markoj estas sen gluaĵo.

⁂ Esperantaj firmoj : Casa Erviti, muzikvendejo, Plaza del Buen Pastor ; Nouvelles galeries, parfumbutiko, Garibay Str. ; A. Ruduri, drapoj, Bengoechea.

*TERUEL.*

⁂ Okazis sukcesa festo Esperantista. Oni fondis grupon, kiu aliĝis al U. E. A. S-ro C. Bartolo estos Subdelegito.

## Rumanujo

*BUKAREŜTO.*

⁂ S-ro J. Giuglea, D., petas ĉiajn informojn pri Esperanto inter manlaboristoj, industriistoj, fabrikejoj. Li estas dankema al ĉiu persono, kiu povos fari tiun ĉi servon.

⁂ Ĉiujaŭde vespere en liceo « Matei Basaral », str. Lucaci, okazas esperantaj kunvenoj. Oni arigas multajn bukareŝtajn esperantistojn, kiuj gaje ĝuas la teatraĵojn, deklamojn, ludataĵn en Esperanto de niaj samideanoj.

⁂ La firmo Barouns kaj $K^{io}$, el Bruselo, prilaboras en Bukareŝt'o malfermon de aŭtomobila ekspozicio, kiu estos la unua en nia lando.

Pro tio oni esperas grandan profiton por aŭtomobila industrio, kiu ĉe ni ĉiutage estas pli kaj eniĝanta.

⁂ S-ro D-ro S. Kimel, la unua publika esper. profesoro en Bukareŝto, parolis la $23^{an}$ de aŭg. al la ĉeestintoj de la kurso en la lernejo « General Adrian » pri la servoj kaj agado de la U. E. A. La kursanoj tre aplaŭdis la malgrandan paroladon kaj multaj el ili aliĝis al U. E. A.

⁂ Komercaj firmoj kiuj uzas Esperanton : Victor J. Kinbaum, transportoficejo, str. Gabroveni, 5. — J. Haimoviĉi, horloĝmagazeno, str. Lipskani, 80. — J. Braŭer, manufakturisto, str. Lispaki, 80. — Salomon Kimel, vitr- kaj kolorvendejo, str. Grivitei, 88. — D-ro G. Robin, laborejo, str. J. C. Brâtianu, 5. — Akciasocieto « Trajan » por la petrola industrio. Sf. N. Selari, 8. — « La Carpati », bierejo kaj restoracio, Bul. Akademie.

Esper. hotelo : *Hotel Princiar*, Bul. Elisabeto.

## Rusujo.

*MOSKVO.*

⁂ Oficiala konsulino de Moskva Societo Esper., S-ino Smirnov, proponante siajn servojn al ĉiu persono, interesiĝante pri Moskvo, senprokraste respondas je ĉiuj esperante skribitaj leteroj. Al veturontaj alilanduloj, ŝi persone donas ĉiuspecajn informojn de $5^{a}$ h. ĝis la $7^{a}$ ĉiuvespere. Adreso : Moskvo, strato Staraja Basmanaja, A. Nº 19, Kudrjavcovo, kv. Nº 12.

PS. - Samtempe mi atentigas pri tio, ke sola rajtigita Esperantista Societo, kies regulara estis konfirmita de l'urbestro, estas : « Moskva Societo Esperantista » kaj ke ĝi havas nenion komunan kun la privata grupeto de kelkaj komizoj-Esperantistoj « Laboro ».

## Svisujo

*ĜENEVO.*

⁂ Ĝenevo estas kongresurbo. En komenco de septembro okazis sinsekve la Internacia konsilantaro de la Virinoj, Kongreso de la Francaj kuracistoj, $1^{a}$ Kongreso de la Universala Societo de la Blanka Kruco (por la puno de la nutradaj trompoj), Kongreso abolicionista kontraŭ la negocado de la blankulinoj. Okaze de tiuj kvar kongresoj S-ro Privat faris, sub la aŭspicioj de U. E. A. antaŭ multenombra publiko kaj kongresanaro, gravan paroladon pri la sukcesoj de Esperanto en Eŭropo kaj Ameriko, kaj U. E. A. S-ro Hodler parolis Esperante pri nia Asocio. La sukceso estis grandega.

---

# ESPERANTO

## MOVADO ESPERANTISTA

### Notindaĵoj.

*Bulgarujo :* La $26\text{-}27\text{-}28^{an}$ de julio okazis en Sumen Esperantista Kongreso organizita de Bulgara Ligo. Granda sukceso. — *Britujo :* Granda nombro de gazetoj favore parolis pri la Kongreso. La kursoj ĉie rekomenciĝas. Novaj grupoj en Todmorden kaj Wrexham. — *Ĉiliujo :* Nia movado grave progresas. Ekzistas ne malpli ol 23 grupoj, 32 kursoj, kaj oni instruas Esperanton en 5 publikaj lernejoj. — *Danujo :* Post la Kongreso granda nombro de Esperantistoj vizitis Kopenhagon, kie ili estis belege akceptitaj kaj povis konstati la ĝojigajn progresojn de nia afero en tiu lando. — *Francujo :* Fondiĝis franca Ruĝkruca Societo Esperantista (sidejo : 51, rue Clichy, Paris). Kongreseto okazis en Lisieux ; fondiĝis regiona federacio. Multaj artikoloj pri la Kongreso. Oni preparas gravan reklamon en Parizo kaj alia urbo por rekomenco de la kursoj. — *Germanujo :* La Kongreso ekscitis ĉie grandan intereson ; multnombraj gazetartikoloj. La iniciato de la Esperanto-Teatro, de Reicher, estas fervore diskutata. Je la aŭtuno, oni antaŭvidas la fondon de multaj novaj grupoj. Fondiĝis Germana Instruista Esperanto-Unuiĝo. — *Holando:* Okazis sukcesa kunveno de la Holando Societo, kiu kalkulas pli ol 250 anoj kun 6 filioj. — *Usono :* La $1^{a}$ Amerika Kongreso okazis en Chautauqna (loko de la $5^{a}$ Kongreso) kun grandega sukceso ; ĝi daŭris tri tagojn ; ĉeestis Delegitoj kaj Esperantistoj el la plimulto de la ŝtatoj usonaj, kun proporcie granda nombro el Kanado. Rezultis la definitiva fondo de la « Asocio Esperantista de Nord-Ameriko ». La Usonoj oficiale invitis la $5^{an}$ Kongreson kaj subskribis garantian kapitalon. La invito estis akceptita. El la Kongreso, ĉiu ricevis la senton, ke la Esperantistoj unuece kaj sisteme laboras.

### Bibliografio.

*Laŭroj* (kolekto de la originalaj verkoj premiitaj en la $1^{a}$ konkurso de la Revuo. Sm. 0,80. Paris-Hachette). — *Bukedo* (originalaj artikoloj de Ch. Lambert pri lingvistikaj demandoj. Sm. 0.80. Paris-Hachette). — *Ĉu mi ?* (romano originale verkita de D-ro Vallienne. Sm. 1,60. Paris-Hachette). — *La Psalmaro* (tradukita el la Biblio, de D-ro L. L. Zamenhof. Paris-Hachette). — *Tutmonda Jarlibro Esperantista* (kun adresaro de D-ro Zamenhof por 1908. Paris-Hachette. Sm. 0,80). — *Du mil Novaj Vortoj* (ĉerpitaj el la verkaro de D-ro Zamenhof, ellaboris P. Boulet, kontrolita de la Lingva Komitato. Paris-Hachette). — *Pario* (el A. Strindberg, traduk. B. Ström-Appelbergs-Upsal). — *Fraŭlino Julie* (naturalista tragedio de A. Strindberg, traduk. P. Nylen & Krikortz. Appelsbergs-Upsala). — *Prozo de Danaj-Norvegaj aŭtoroj* (trad. H. Th. Thomsen. Esperanto-Forlaget. Kristania). — « *Verdaj Fajreroj* » (kolekto da versaĵoj, de R. Frenhel. Sm. 0,40. Frenkel-Ienissei). — *Esperanto. La ĉiutaga vivo* (praktika kurso de Fr. Swagers kaj Ad. Finet. Sm. 0.40. Van Hille, 35, rue Tirk-Anvers). — *Englisch-Esperanto Dictionary* (de J. Rhodes. 550 paĝoj. Stead's publishing House. London). — *Vade-Mecum de l'Esperantiste* (Presa Societo. Paris). — *Tra la landoj* (diverslandaj vidindaĵoj. - Presa Societo, Paris). — *Cifera Muziko per Esperanto* (de E. Robert, 5, rue Ravignan, Paris). — *Procirkonstanca edzo* (vaŭdevilo de Planard, trad. D-ro Noël. Nancy). — *Quière Aprender Esperanto ?* (Willemanns, Grenada-Barcelona). — *Intercomprehension en temps de guerre* (Propaganda broŝuro por Ruĝa Kruco. Paris-Hachette). — *Praha* (ilustrita gvidlibro por turistoj. Praha Casopis českych-Esperantistu). — *Kopenhago* (ilustrita gvidlibro. Centra Dana Esp. Ligo). — *Magdeburg* (ilustrita gvidlibro. Wuttke-Magdeburg). — *Gvidlibreto de Edinburgo* (Menziès, Edidburgh). — *Slovakoj kaj Magiaroj* (de H. Bouŝka, Praha.

---

# Al Esperantistaj Korespondantoj!

Tute freŝa decido de la poŝta administracio de Granda Britujo malpermesas en tiu lando la disdonon de leteroj, eĉ senditaj el eksterlando, ĉiufoje kiam la poŝtmarkoj de tiuj leteroj estas ĉirkaŭitaj per kadro havanta reklamon en ia ajn formo kaj speco.

De nun tiuj korespondaĵoj estos konsiderataj kiel neenlaseblaj, kaj resendataj senprokraste de la britaj poŝtoficejoj al la lando de deveno, konforme la tekston de paragrafo $16^{a}$, alineaŭo $5^{a}$ de la Poŝtunuiĝa kontrakto (Romo, majo $1906^{a}$).

Jen traduko de la aludata alineaŭo :

« Ĉetere estas rizervita la rajto de ĉiu registaro de la Poŝtunuiĝo rilate al transporto kaj disdono en ĝia teritorio ne nur por objektoj, kiuj profitantaj moderajn prezojn ne plenumas la kondiĉojn truditajn per leĝoj, regularoj kaj dekretoj pri ilia publikigo kaj disportado en tiu lando, sed ankaŭ por ĉiuspecaj korespondaĵoj, kiuj videble portas surskribaĵojn, desegnaĵojn, k. t. p., malpermesitajn laŭ leĝoj aŭ regularaj ordonoj aplikataj en sama lando. »

La legantoj, kiuj tiel ofte sendas korespondaĵojn al la anglaj samideanoj estas avertitaj, konsente ke, tiuj reklampoŝtmarkoj povas esti uzataj kun aliaj nacioj pli toleremaj ol Britujo.

La aliaj aliĝintoj al Poŝtunuiĝo feliĉe ne konigis ankoraŭ tian drakonan neakcepton.

ISOARD.

---

# Gastotabloj

Pri la nomaro de la Esperantistaj gastotabloj, komunikita en nia lasta nº de S-ro Fr. Swagers, ni devas hodiaŭ rebonigi bedaŭrindan forgesitaĵon. Jam de du jaroj ekzistas en Parizo (krom tiu de Café Soufflet) tre aktiva gastotablo en la kafejo *A. Béranger*, 180, rue du Temple, apud la Placo de la Respubliko, kie regule ĉiuĵaŭde vespere proksimume 30 amikoj interparolas, ludas, legas, k. t. p.

NOVAJ GASTOTABLOJ :

*Zuriĥo.* — Hotelo Krone, Sihlbrücke, sabate je $8^{a}$ h.

*Bukareŝto.* — Bierejo « Carpati », Bulvardo Elizebeto ; ĉiuĵaŭde je $8^{a}$ 1/2 ; ĉiuj samideanoj trapasontaj estas petataj partopreni.

---

# AL NIAJ LEGANTOJ

*Pro la tre gravaj poŝtelspezoj, kiujn trudas al ni la dissendo de nia gazeto kaj pro plikariĝo de la preskosto en nia urbo, ni estas devigataj plialtigi la prezon de nia gazeto. De nun, ĉiu Nº kostos* **15 centimojn** *(6 Sd.) kaj la jarabono* **4 frankojn** *(1,60 Sm.). Ni esperas ke ĉiuj niaj legantoj kaj abonantoj, kompreninte la necesecon de tiu ŝanĝo, sen kiu la eldonado de ĉi tiu gazeto estus finance tre malfacila, bonvolos daŭrigi al ni sian helpadon kaj apogon por la grava tasko, kiun* ESPERANTO *devas plenumi. Se ĉiuj niaj amikoj restas al ni fidelaj kaj varbas al ni novajn, ni baldaŭ povos pligrandigi nian formaton — kio estas nia ĉefa celo. Atendante, ni ankoraŭ pligrandigis la presatan materialon.*

**Grava avizo.** — *La plialtiĝo de la abono komenciĝas nur de la $15^{a}$ de Oktobro; konsekvence, ĉiuj personoj, kiuj sendos sian abon- aŭ reabonmonon antaŭ tiu dato, bezonos pagi nur 3 frankojn (1,20 Sm.) por tuta jarabono. Eĉ la personoj, kies abono ne ankoraŭ finiĝis, povos reaboni antaŭ la $15^{a}$ de Oktobro po la ĝisnuna prezo (3 frankoj) ; ilia reabono estos kalkulata depost la fino de ilia nuna abono. Multaj rapidu profiti tiuin favorajn kondiĉojn !*

LA DIREKCIO.

---

# ANONCETOJ

**TARIFO**

*Korespondado.* — Ĉiu enskribiĝo kostas 30 spesdekojn (fr. 0.75 ; 7 d. ; m. 0.60). Rabato da 25 % por 6 enpresoj kaj 50 % por 12 enpresoj. La literoj P I. montras la korespondadon per poŝtkartoj ilustritaj ; la litero L. montras korespondadon per leteroj ; la literoj P M. montras interŝanĝon de poŝtmarkoj. Niaj abonantoj rajtas enpresigi senpage sian nomon unufoje.

*Petoj kaj proponoj.* — Ĉiu linio (40 literoj) kostas 10 spesdekojn ( fr. 0.25 ; $2\frac{1}{2}$ d. ; m. 0.20). Rabato da 25 % por 6 enpresoj kaj 50 % por 12 enpresoj. Niaj abonantoj rajtas enpresigi senpage trilinian anonceton.

*Komercaj reklamoj.* — Ĉiu linio (40 literoj) kostas 16 spesdekojn (fr. 0.40 ; 4 d. ;

m. 0.32). Rabato da 25 % por 6 enpresoj kaj 50 % por 12 enpresoj. Niaj abonantoj (speciale la hoteloj esperantistaj) rajtas enpresigi senpage trilinian anonceton.

NOTO. — Oni sendu ĉian anonceton antaŭ la 5a kaj 20a de ĉiu monato, ĉu al nia administrejo, ĉu al niaj lokaj agentoj aŭ al la Esperanto-Oficejoj. Oni skribu kiel eble plej legeble. Oni povas pagi per poŝtmandato, poŝtkuponoj internaciaj aŭ poŝtmarkoj. Ĉiu anonceto, ne akompanata de monsendo, ne estos enpresata. La Esperanto-Oficejoj estas petataj elmeti ĉiufoje niajn anoncetojn ĉe sia afiŝejo.

***

## Korespondado

*Bad-Kissingen* (Bavarujo). — S-ro R. Rüegg, Hotel Diana. PI. (kun alil.).

*Dorpat* (Liflandgub, Rusujo). — S-ro Paul Poom, Alexander St. 76. PI.

*Moravec* (Moravio, Aŭst.). — J. Tenora (lernejestro). PI. L.

*Trans p. Pleines-Fougères* (Ille & Vilaine, Fr.). — S-ro Boulmer. PI. (alil.).

*Biville-Hague, p. Beaumont* (Manche, Franc.). — S-ro Couapel, PI., PM.

*Napoli* (Italujo). — S-ro E. Tentori, prof., Sta Chiara, 41. PI.

*Braddock, PA.* (U. S. A.). — J. M. Clifford, 401, Library Place. PI., L.

*Huy* (Belg.). — S-ro A. Brabant, R. Griange. PI.

*Verdun-s/-Meuse* (Franc.). — S-ro R. Marchal, 6, r. Beaurepaire. PI. L.

*Guingamp* (Francujo). — S-ro L. de Bellaing, rezervleŭten. kaval. PI. (nur pri armeo).

*Paris* (Francujo). — S-ro M. Autié, 34, r. du Commerce (kun nefrancoj).

*St Etienne* (Francujo). — S-ro D. Montremard, 40, r. Michelet. PI.

*Magdeburg* (Germanujo). — Fr. Heinrich, 1, Schrotdorferst. PI. L.

*Barmen* (Germ.). — S-ro R. Carnap, Beethoven Allee, 12. PI. L. (kun negermanoj).

*Barcelona* (Hispan.). — S-ro M. Ginesta, Aragon 360. PI.

*Versailles* (Francujo). — S-ro L. Chillard, 4, r. Bertin, PI., PM.

*Mendon* (Mass. U. S. A.). — S-ro E. Wheeler, Box 24. PI.

*San Sebastian* (Hisp.) — S-ro A. Tuduri. PI.

*Lorient* (Morbihan, Franc.) — S-ro M. Urvoy, 40, r. Belle-Fontaine. PI., L.

*Hull* (Anglujo). — S-ro C. Jacklin, 48, King's Bench st., dez. interŝ. portretojn kun geesp.

*Wien* (Aŭstrio). — N. Petroviĉ, Invalidenstr., 1, PK. L.

*St Helens* (Lancs, Anglujo). — S-ro C. Hollis, 13, Horace St. PI. L.

*Meaux* (S. & Marne, Francujo). — S-ro Goudailler, 5, r. St-Nicolos. PI., L.

*Pskov* (Polujo). — S-ro Ivanov, Georgierskaja, ul. D. Fedosovoj II.

*Sabadell* (Hispan.). – J. Cervos, Salut str. 20. PI.; S-ro P. Sallaves, st. Ancha, 15. PI. (nur kun germanoj); S-ro B. Zorruella, st. Salut, 40. PI. (kun neeŭrop. kaj neamerik.); S-ro J. Xercarius, st. San Lorenzo, 89. PI.; S-ro J. Sanllehi, « La Confianza », str. Rambla. PI., se eble faritaj de la sendantoj.

## Petoj & proponoj

**Ofico.** — S-ro S. Wynands, 33 jara, administra oficisto en ŝtato Holando, scianta Esperantan, hol., franc., germ., angl. lingvojn kaj nemulte ital., hisp., dan. kaj rusan, serĉas, por pli rilati kun fremduloj, alian ŝtatan aŭ urban oficon en Holandujo aŭ alilando, ekzemple kiel gvidisto aŭ oficisto en ŝtata konsulejo, ŝtata fremda oficejo. Bonaj referencoj laŭ peto.

**Adresŝanĝo.** — S-ro G. Muños loĝas nun: Casilla de Correo, 737, Buenos-Ayres, R. Argentine, kaj ne plu en Montevideo, Arapey st. 293.

**Ofico.** — Jonko Davidoff, Silistra (Bulgarujo), serĉas galvaniziston por sia fabriko. Oni skribu pri si mem, sia aĝo, lingvoj kiujn oni parolas.

**Ofico.** — Juna esp-isto, diplomita de rusa instruista seminario, sciantabone la lingvojn rusan estan kaj iom la germanan, serĉas ian oficon ekster Rusujo. P. Tobi, Paluoja, St Abia, Livlando.

**Papilioj.** — S-ro A. Gannier, 4, rue des Lisses, Chartres (E. & L., Francujo), deziras interŝanĝi papiliojn el la tutmondo.

**Ofico.** — 26 jara esp-isto., franca, tre deziras trovi oficon en magazeno de ŝtofoj, Germanujo aŭ Svisujo, por perfektiĝi en germana lingvo. Bone konas la komercon. Por proponoj sin turni al « ESPERANTO », 8, rue Bovy-Lysberg, Genève (Svislando).

**Aferistoj.** — Profitigaj mondeponoj kontraŭ unuagradaj garantiaĵoj estas perataj de *Hjalmar Bäckström*, Stockholm, c. *Telegrafadreso : Esperanto.*

**Samideanejoj.** — **Parizo** : *ĉiuĵaŭdon vespere*, kafejo A. Béranger, 180, rue du Temple; *ĉiumardon vespere*, « Popola Bibliotekejo », 78, rue de Flandre.

**Ofico.** *(Delegitoj de U.E.A. atentu!).* — Juna Esperantisto Rumana, dudekjara, de la supera komerca lernejo de Bukareŝto, kiu paroletas kaj skribas la francan kaj germanan lingvon, rapide maŝinskribas kaj germane stenografias, deziregas por tuj aŭ por aŭtuno trovi oficon en oficejo, komercejo aŭ fabrikkontoro en ia lando (Aŭstrujo, Germanujo aŭ Svisujo) por sin perfektigi en germana lingvo. Nenia pretendo pri la salajro. Skribu al S-ro Haimoviĉi, 80 Str. Lipokani, *Bukarest* (Rumanujo).

## Komercaj reklamoj

**Hotelo.** — Hotel des Trois-Rois (esperantista), strato St Rémy, Meaux (Francujo).

**Piedŝvito.** — Nepra kuracilo, sendanĝera por la sano. Brissonnet, apotekisto, en Loches (I. & L., Francujo). Poŝtmandata prezo : Francujo, 1 Sm., alilando, 1,20 Sm.

**Marmoroj.** — S-ro R. Richer, en Peruwelz (Belgujo) kaj Fresnes-Nord (Francujo), vendas ĉiuspecajn marmoraĵojn : kahelarojn, kamenojn, altarojn, tombajn monumentojn, k. t. p.

**Standardoj.** — Esperantaj kaj diversnaciaj, artikoloj por ornamo kaj iluminado, esper. ŝildoj blazonformaj, kravatpingloj elektraj stelformaj, insignoj, poŝtuketoj, brakbantoj, k. t. p. Oni petu la prezaron. S-ro L. Cuzon, 52, r. de Paris. Charenton (Seine, Francujo).

**Gesamideanoj Rotterdam!** — Ĉiuĵaŭde vespere je la 8a, amika kunveno, Granda Hotelo Coomans, Hoofdsteeg. Koran bonvenon al ĉiuj.

**Silkaj Esperantaj flagetoj.** — Taŭgegaj varbiloj kaj propagandiloj, uzeblaj por ornamado de Esp. festsalonoj. Amplekso : 11/16 cent. Prezo : 12 Sd. unu. Speciala rabato al la grupoj kaj Esp.-Oficejoj por mendo de 50 ekz. Haveblaj ĉe S-ro B. Peyraud, 41, rue de la Loire, St-Etienne (Francujo).

**Esperanto Hotelo.** — Hotel Anton, Niedenau, 12, *Frankfurt-a/-M. (Germanujo).* Bona burĝeca domo, fondita en 1888 ; tel. 3335. ; 3 minutojn de l'ĉefstacidomo, maldekstren tra Karlstrasse haltejo de la tramvojo linio 1. 8 minutoj de la fest- & ekspoziciplaco ; ombroza ĝardeno ; komfortaj ĉambroj de Mk. 1 50 (75 Sd.) kaj pli multekostaj ; oficiala sidejo kaj kunvenejo de la grupo *ESPERANTIO.*

**Esperanto en la servo de la Dia regno.** — Monata gazeto por kristanaj unuiĝoj. Ĉiu vera kristana Esperantisto bonvole mendu tiun ĉi gazeton : Paul Hübner, Mulhein-a/-Rhein (Germanujo). Jara abono : 50 Sd. — Oni postulu specimenon.

**Amikejo.** (Neŭtra Moresneto). — Charles Schwierer, oficejo por riprezentado loka de ĉiuspecaj komercaĵoj kun esperanta nomaĵo kaj esperanta librejo.

**Kuraciloj, Drogoj, Ĥemiaĵoj.** — Farmacisto, en Parizo, delegito-konsulo de U. E. A. sin proponas por reprezenti nefrancajn firmojn, kiel deponeja agento. Adr. C. Rousseau, 4, pl. de la République, Levallois-Perret (Seine), Francujo.

**Reklamo.** — S-ro C.-A.-G Browne, reklamagento, 53-54, Wych-Street, London, W. C. (Anglujo), deziras korespondi kun Esperantistoj pri anoncado en britaj, koloniaj kaj fremdaj jurnaloj.

**Vinoj.** — *Vinoj ruĝaj, blankaj kaj maljunaj*, nepre naturaj kaj altgradaj (10 ĝis 18o). Sin turni al S-ro. Andreu, *Fourques* (Pyr. O.) France.



FELIETONO DE " ESPERANTO " 6

# LA PATRINO

de **Ernst ZAHN**

(trad. J. Ŝmid, Bern).

Kion oni rakontadas en stratoj kaj domoj, tio ankaŭ ĉio venas en la Andermatt-domon. Nenia grava bruo elkreskas pro tio, kiel povus esti ĉe maldelikataj homoj. Tobias kaj lia edzino en fundo estas tro trankvilaj homoj kaj tial nekapablaj por ekscitiĝi kaj mallaŭdi ĉiutage. Ili englutas zorgon kaj koleron, kaj ĉiu faras tion laŭ sia maniero. Depost la tago kiam Tobias sentis la korpan superecon de sia filo, li estas strange malfiera; ne pro timo li laŭeble evitas Georg'on, sed pro ia maniero de terurega honto pri la senforteco, al kiu li estas devigata, li, kiu kiel patro devus resti estro de la alia. Tiu ĉi honto videble turmentas lin, Balbino scias tion. Li ne manĝas kiel antaŭe, malfrue venas de la laboro, foriras frutempe, ĉio por esti for el la domo, kaj vespere li kuŝiĝas tiel frue kiel neniam antaŭe, por — por ke li ne devu restadi kune kun Georg. Balbino alie agas, ŝi al la bubo montras firman frunton kaj iom post iom iĝas pli vortŝparema kontraŭ li. Kiam li ne ĝustatempe venas al manĝo, li trovas la tablon purigitan, kaj kiam li unufoje deziras ion aŭ diras vorton pri la laboro de la aliaj, la patrino levas la vizaĝon kaj rigardas lin : « Kiu ĉe ni volas paroli, devas pli bone konduti. » Tion ŝi diras tute trankvile, kvazaŭ senintence, sed estas io rimarke minacanta en ĝi, kiel en la malproksima muĝado de fulmotondro trans la montaro. Komence li respondas per maldelikataj vortoj; ĉe la patro kaj Lene li ankoraŭ ĉiam malkaŝe mallaŭdas la traktadon, kiun li suferas. Kiam la patrino ĉeestas, lia kolero iĝas iom kvieta kaj perforte subpremata, li ne tiel malkaŝe parolis, Dio scias kial. Eble li malklare sentas kio prepariĝas en la patrino, kio en ŝi batalas kaj bolas, sen ke la pala vizaĝo aŭ la okulo ion ajn montras. Eble li havas malklaran antaŭsenton kiel la amo kaj la espero je li en la patrino kvazaŭ ĉiun nokton kreskadas el mil persistaj fibroj, por disŝiriĝi ree ĉiun novan tagon, kaŭzantaj al ŝi turmentegojn.

Tamen ŝajnas, ke la vizaĝo de Balbino iom post iom akiros mienon, pri kiu miras la aliaj; ĉar la Steganoj ŝin rigardas sur la strato, miras pri ŝi kaj ne scias, kion ili rimarkis ĉe ŝi kaj tial nur diras: « Oni vidas, ke Balbino portas sian krucon. » Kiam ŝi en sia ĉiutaga vesto faras ian komision en la vilaĝo, kiam ŝi laboras en la ĝardeno, aŭ kiam ŝi en sia nigra vestaĵo, la brodaĵtukon ĉirkaŭ la kapo, iras al, aŭ venas el la preĝejo, ĉiam la Steganoj ŝin rigardadas. Precipe dum ŝia iro al la preĝejo. En tiu ĉi tempo Balbino iom estas kurbita, sed tamen ŝi ankoraŭ estas longa. La malnova preĝlibro firme kuŝas sur ŝia maldekstra brako. El ŝia tuko la pala vizaĝo kun sia forta nazo elrigardas kiel pala monaĥa vizaĝo el nigra monaĥa robo. Kiam oni salutas ŝin, ŝi ankaŭ salutas, dekstren, maldekstren, trankvile, laŭte « tag' » aŭ kelkafoje aldiras la nomon de l'salutinto : « tag' Babesepp! » Sed kun alta estimo oni parolas pri ŝi en la vilaĝo. « Brava virino ŝi ĉiam estis », ili diras, rakontas ankaŭ kiel ŝi en juneco laboregis, kiel ŝi kun sia patro, la montkomisiisto, dum neĝo kaj ventego transiris la monton, kiel ŝi ĉiam montriĝis kuraĝa, poste ili diras pri ŝia mortinta filo Antono, ke li estis ŝia plena portreto, kaj ili miras, ke la plijuna Georg povis tiel perfidi la genton. « Ameriko kaj elmigro ne estas bonaj por ĉiuj » oni kelkafoje ankaŭ aŭdas diri.

Dume Georg plue vivadas laŭ sia maniero. Tobias sciiĝas ke la filo havas tutan monsumon en la ŝparkaso kaj tie de tempo al tempo prenas kion li bezonas. Unu tagon la patro pli serene ol kutime venas al Balbino en la kuirejon. « Pri foriro, li parolas, Georg, en la vilaĝo mi aŭdis pri tio », la patro rakontas. Kaj du ekĝemoj nevole kaj samtempe eliras el ambaŭ kaj malpezigas iliajn korojn.

« Estas belaĵo, se oni devas ĝoji pri la tempo, kiam oni perdos la solan infanon », Balbino diras maldolĉe.

De tiam ambaŭ atendas ke Georg efektivigu sian decidon kaj forvojaĝu; per sekretaj rigardoj ili esploras en lia pala vizaĝo, ĉu li ne ankoraŭ diros : « Nun mi iras ». Kun ili ankaŭ Lene atendas. Neniu tion bone divenas; sed la knabino. kvankam ŝi ankoraŭ estas kvazaŭ infano, atendadas pli time ol la aliaj, nur nenion riskas diri, ĉar ŝia senkulpeco ne komprenas, ke Georg, la frato de ŝia mortinta patro, estas malbonulo. Sed tamen ŝi timas, timas tiel, ke ŝi sentas la korbatadon ĝis la kolo, kiam ŝi nokte supreniras sian dormoĉambron, kiu troviĝas sur sama etaĝo kiel tiu de Georg, kaj poste, apenaŭ enirinta, ŝi duoble ŝlosas la pordon; ŝia timo pligrandiĝas ĉiutage, kaŭzas ke ŝi tremetas kaj malvarmiĝas. Kaj kiam la timo estas plej granda, ŝi ne plu povas silenti. Ne al la avino aŭ al la avo ŝi povas diri ĝin, sed Lene havas amikon, ne ankoraŭ tian kiel la plenkreskintaj knabinoj aŭ eĉ kelkaj de sama aĝo, kiuj lasas sin kisi kaj jam parolas pri edziniĝo; ŝia amiko estas Indergand Peter, la najbara knabo, kiun ŝi konas de la unuaj lernojaroj kaj al ŝi rilatas kiel frato. De longe Peter kutimas viziti la Andermatt-domon dimanĉe aŭ festotage, li aŭ eniras la stubon aŭ restas sur la benko antaŭ la domo por ion babiladi. Li estas ordema kaj trankvila, dekokjara homo; Balbino volonte vidas lin veni. « Kio frue ligiĝas, tio daŭros », ŝi opinias, kaj la hejmo, kiun la juna Indergand povas oferi, estas la plej bona kiun ŝi povas esperi.

Iun vesperon, tuj post mallumiĝo, Peter, kiu en lasta tempo neniam venis, eble pro Georg, do estas ree tie ĉi. Kun Tobias kaj Balbino li priparolis veteron, kampar- kaj domlaborojn kaj tiajn ĉiutagaĵojn, poste li opinias, ke estus pli agrable sidi sur la benko antaŭ la domo ol restadi en la sufoka stubo, ĉar estas tiel bela vespero.

« Por la junaj certe », diras Balbino.

Tiam Peter kaj Lene leviĝas, iras antaŭ la domon kaj sidiĝas sur la belan benkon.

Georg foriris el la vilaĝo. Eble Peter tion scias kaj tial alvenis. Estas, kiel li diris, belega nokto. La ĉielo etendiĝas kiel vasta nigra arkaĵo super la per belaj abioj konita Telliberg (nomo de monto), kiun oni direkte vidas de sur la benko. Sub la glata ĉiela arkaĵo peze kaj fortike sin diferencas la potenca formo de l'monto. Sed en la ĉielo brilas tiel lumblanka, granda luno, ke en vasta ĉirkaŭaĵo ne vidiĝas steloj, kvazaŭ ili estas forpelitaj de ĝi. Senfina puraĵo kuŝas super la lundiske diferenciĝanta akrege el la ĉielo, kaj la sama puraĵo kaj trankvilaĵo kuŝas en la brilo, kiun la luno disverŝas super Steg kaj la ĝardenon de l'Andermatt-domo. La brilo kuŝas sur la grisa tegmento el lignaj tavoloj, sur la du vizaĝoj de Peter kaj Lene, sed precipe sur aro da longtrunketaj lilioj, kiuj troviĝas en mezo de l'ĝardeno inter legombedoj. Tiuj lilioj brilas kvazaŭ per si mem. Estas mirinde kiel brilas la altaj floroj, kvazaŭ laktoblanka vitro, kvazaŭ estas longaj, trankvilaj flamoj en la trunketoj, pro kiuj la florkrono lumas ĝis ĉiu delikata foliopinto. (*Daŭrigota*).

Pres. Ch. Zœllner, Genève